2.ª JARO N.º 23 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 1 OKTOBRO 1937

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## LA KANCELARIA PROZO ESTAS RIFUZENDA...

La voĉo de Hispanio ne kartavis, dum klara informo, ĉe kunsido de la Sesa Komisiono de la Ligo de Nacioj. En la pompa kunveno sidis la centraj politikaj figuroj el kvindek kvin naciaj delegitaroj. Antaŭ ili, Alvarez del Vayo, veterano de la diplomata ludo, prononcis drastajn vortojn. Sen subtilaj eŭfemismoj, sen retorikaj vualoj; donante nomon de akvo al akvo k titolon de krimo al krimo, la hispana delegito ja liveris tonon de digno al la Konferenco. Liaj argumentoj, kiel bronzo, estis solidaj. Li postulis aplikon de la konvencio, avertante al la miregita aŭdantaro pri la riskoj k danĝeroj de vanaj malkonkretaj solvoj por konvinki friponojn.

«Kion vi intencas fari?—li demandis—. Ĉu nur bedaŭri ĉagrenojn, anstataŭ energie ilin eviti? Ĉu doni denove la aferon al la Londona Komitato?»

Tion jam oni faris antaŭe k nun la mondo povas rigardi k sperti la fiaskajn sekvojn. Tro sate estas sciate, ke la fuŝa politiko pri la Ne-Interveno nur taŭgis por eviti defendi la leĝon, en profito de ŝtata abomena perfido. La skrupula rondo da pulĉinelaj komitatanoj, toleris, sub ŝajno de ignoro, la daŭrajn elŝipiĝojn de kompletaj fremdaj divizioj k montoj da moderna perfekta materialo. La frivola komedio estas jam angora dramo, kiun riskas partopreni, kiel aktoroj k protagonistoj, ĉiuj proletaj eŭropanoj senescepte. Nia delegito ĵetis la dilemon sur la tablon, dirante: «Jen, aŭ la kunveno de la Ligo de Nacioj aprobas agnoske la invadon de Hispanio, fare de Italio k Germanio, aŭ konfesas sincere, ke la Ne-Interveno estas fiaskinta rimedo. En tiu lasta evento, tuj k nepre oni devas restarigi la normalajn internaciajn leĝojn favore al la popolo de Hispanio».

Nenion plu! Nur rekta deklaro, por aprobo de la invado, aŭ nuda kondamno k rapida puno al la ofendintoj. Hispanio, kun eleganta gesto, rifuzis la ŝablonajn k nebulajn tekstojn de kancelaria prozo.

Nia popolo ne almozis favorojn nek privilegiojn al la kunvenintaj nacioj. Ĝi ankaŭ ne vendis sian ŝtatan aŭtoritaton por aĉeti filistrajn poentojn. Malgraŭ perdo, pro tio, de seĝo en la Liga Komitato, Hispanio neniam vidis tiel brilajn reflektojn de sia brava silueto sur iu alia eksterlanda ekrano. Hispanio, per buŝo kapabla de sia ĉefdelegito Johano Negrín, diris finfine protokole ĉion, kion avidis diri ĉiuj hispanoj, ekde la komenco de la tragedio; ĉion, kio jam brulis en krioj de indigno aŭ en mokoj de skeptikismo.

Ŝtatestroj de kvietaj nacioj mezuras prudente la vortojn. Johano Negrín, socialista partiano k hispana ĉefministro ne povis obei la stultan rutinon; tial, ŝirante kadukajn normojn, li ebligis al pura aero ventoli en haladza atmosfero. La hezitemaj, ŝanceliĝemaj potencoj eble alarmiĝis iomete pro la malofta spektaklo. Tio ne gravas! La faŝista monstro jam vekiĝis; sekve, la «prudenta» celo eviti ĝenojn al ĝia dormo tute ne validas...



JOHANO NEGRIN
Ĉefregistarano kaj Ministro de Financo

Denove la sonora tembro de Hispanio estas alarmo k voko, por la demokrata mondo, pri la suspektinda ludo de kelkaj ministroj, uzante nur emfazan prozon de kancelarioj, kiel celon al paco, antaŭ la gigantaj provokoj de konataj landoj. Ĉu ankoraŭ ne komprenis nek vidis la estontaj viktimoj, ke ĉiu plia cedo, anstataŭ eviti militon, estas plia ŝtupo por la incendio, kiu nepre atingos tiel ankaŭ ilian etaĝon? Mizera paco estas tio, kio fatale atendas en vico sperti la dolorojn de milito!

Ŝajnas nekredebla—estas memmortigo!—la obstino neniel voli lerni per alies vundoj...

## REKRUTOJ

La rekruto, en ordinara armeo, estas groteska figuro, kiu ŝafe suferas vangofrapojn k piedbatojn de kaporaloj k serĝentoj. La rekruto, sub kapitalista reĝimo, estas klasika simbolo de la triviala komikaĉa rolo, kiun ofte plenumas la popolanoj por forĝi siajn proprajn katenojn.

Tiu rekruto mem, post lacigaj ekzercoj k absurdaj spertoj, fariĝas soldato al kiu oni trudas ĵuri promeson al iu standardo legante k relegante la frostigajn artikolojn de severa kodo, kiu punas kruele, per la morto, banalan eraron aŭ kulpon. La soldato, eksa rekruto kun scio pri la vivo de kazerno, ricevas finfine la fieretan titolon de veterano; sed lia veteraneco estas ja tro simpla kategorio, ĉar fakte rekruto, soldato k veterano estas nur tri etapoj, aŭ tri gradoj, de unu sama bedaŭrinda estaĵo: meĥanika sklavo uniformita, sen homa personeco, por analfabetaj generaloj k brutalaj oficiroj kiuj abomene k perverse devigas ilin rompi la ĵuron al la flago k obeon al la leĝo, se tiu flago k tiu leĝo fariĝas emblemo k ŝtupo por etaj modestaj aspiroj de l' popolo.

Tio okazis en Hispanio, kie perfida rondo da feŭdaj militistoj ne bezonis riski, por sia krimo, siajn proprajn korpojn. Naŭzinde ili uzis la karnon de malfeliĉaj soldatoj nepovantaj, pro sovaĝa disciplino, malebligi la atakon al siaj civitanaj k sociaj rajtoj.

En la stratoj, la civila popolo—eterna viktimo de leĝoj—detruis legendon, pri sencela tumultemo, defendante epopee la normalan ordon k la legitimajn instituciojn. Pro la kolizio fluegis la sango proleta, alta prezo, kiun pagis la amaso por ŝanĝi detrue la tradiciajn kontrastojn de la aristokrata armeo: elegantaj k frivolaj estroj kun ĉifonaj k malsataj zuavoj...

La ribelo estas nun interveno milito de invadintaj faŝistaj ŝtatoj. Nia freŝa Popola Armeo konsistas el larĝaj kontingentoj da liberaj homoj, kiuj volonte akceptas organizajn normojn por pli efika utilo de siaj klopodoj. La kazernoj akiras aspekton de kolektiva kejmo por la novaj rekrutoj, kiuj ne jam plu estas pasivaj obeantoj, sed aktivaj kunlaborantoj de samklasaj oficiroj, teknikaj kamaradoj en nia lukto kontraŭ la militistaj perfiduloj.

Sinsekve, kun digna mieno, la filoj el popolo forlasas ordinarajn metiojn k amatorajn okupojn por plenumi devon kontraŭ la fia kasto, ofendinta longtempe la junajn aĝojn de la tuta proletaro per vangofrapoj de kaporaloj k piedbatoj de serĝentoj.

# NEKROLOGO



La esperantistoj ankaŭ estas homoj, kiuj sentas forte la instigon plenumi rigoran devon, kun ofero de vivo! Jozefo Serrano, entuziasma esperantisto k sentima leŭtenanto de la Popola Armeo, ĵus mortis en la aragona fronto, en batalo kontraŭ la Faŝismo.

Li preskaŭ estis kunredaktoro nia, ĉar kelkaj anekdotoj k epizodetoj, kiuj aperis, sur la paĝoj de nia gazeto, estis verkitaj de li mem, dum paŭzo en la tranĉeo. Nobla junulo k fidela amiko, li partoprenis la militon ekde la komenco; tre ŝate k simple li ĉiam, diris, dum rapidaj forpermesoj, ke li duoblecele batalis: kiel persono por defendi la liberon; kiel esperantisto por protekti la verdan stelon!

Al lia frato, ankaŭ bona soldato k samideano, al liaj eksterlandaj korespondantoj, ni esprimas dolorajn kondolencojn pro la perdo de amiko; sed samtempe, ili k ni devas senti fieron pro la digna morto de esperantista popolfrontano, kiu montras ekzemplon k signas vojon, kiun ĉiuj redaktoroj de POPOLA FRONTO estas pretaj sekvi, k eble baldaŭ sekvos, por alĝustigi praktikajn agojn kun honestaj vortoj. Frata amiko Jozefo Serrano, saluton al ci!

## ESPERANTO-EKSPOZICIO EN BARCELONO

La Kontraŭfaŝista Esperanto-Komitato de Katalunio, kun la oficiala k valora helpo de la Komisarejo por Propagando de la Generalitato, aranĝis imponan ekspozicion okaze de la 50 jara ekzisto de Esperanto.

La Domo de la Kulturo, ĉe la centra placo de Barcelono, gastigis k prezentis tre interesan materialon k ankaŭ ĝi estis solena kadro por diversaj paroladoj k prelegoj de konataj samideanoj k gravaj aŭtoritatuloj por honori nian lingvon, eĉ dum la plej furiozaj batoj de la milito.

La barcelona publiko, dum du semajnoj, amase k interesplene vizitis la ejon, kie lertaj manoj lokigis tre zorge la pruvojn pri la utilo k vivanteco de Esperanto, nia komuna ligilo.

**Ni ŝuldas al nia kara legantaro la deklaron de intima konfeso: Estas treege malagrablaj, al ni, la polemikoj pri la interna politiko!**

**Ni scias ĝoje, ke ankaŭ la internaciaj amikoj de Hispanio ne ŝatas tion. Sed, nia bulteno, reprezentanto de fasko da potencaj opinioj —kiuj konsistigas absolute grandegan plimulton el la nacio—ricevas sisteme krudajn atakojn de unu sektoro, sub preteksto de refuto al kelkaj informoj rilate faktojn, pri kies virto aŭ malvirto ni ne juĝas, sed pri kies ekzisto ni ankaŭ ne silentas. Silento signifus rezignacion antaŭ la kaprica aserto, ke la hispana Popolfronto estas nenio. Tamen, objektiva respondo ĉiam estas prezentata tuj kiel ofendo k partia mensogo. Diskuto estas emo al lumo, sed disputo estas tre ofte danĝera deklivo, pli domaĝa por sincerulo ol por maliculo.**

**Kion do fari? Jen delikata problemo, kiu obsedas nin jam de kelka tempo. Tial, kiel provon de nova metodo, ni entreprenas la malnovan sintenon! Ekde la venonta numero, aŭ jam nun, ni promesas ne plu malpurigi paperon por viŝi kraĉojn kontraŭ nia gazeto kies tasko plenumenda estas informi, je la servo de la vero k libero, pri konkretaj faktoj, sen atento al detalo ĉu tio plaĉas aŭ ne plaĉas al kelkaj monopolistoj de la popola revolucio. Nia silento tiel estos pli elokventa ol alies klaĉado! Bojo en la vojo estas pruvo de marŝo...**

# POLITIKAJ NOTOJ

▲ En mitingo, kiun celebris la Nacia Konfederacio de Laboro (C. N. T.). en Madrido la 5. de Septembro, la eksministro anarkista García Oliver diris, ke «la Registaro, ironte al Ĝenevo, povas esti certa, ke la penso de la antifaŝista Hispanio, akompanas k subtenas ĝin».

▲ Pietro Nenni, ĉefkomisaro de Internaciaj Brigadoj verkis artikolon, per kiu li salutas laŭde la interkonsenton por komuna agado de la partioj Socialista k Komunista (kion ni konigis jam en unu el la antaŭaj numeroj) taksante ĝin kiel decidan paŝon al la venko de la laborista klaso en Hispanio.

> ▲ Nia ĉefministro Johano Negrin estas amase gratulita pro sia frata defendo en Ĝenevo por la rajtoj de Hispanio. Inter la telegramoj, kiujn li ricevis, estas tre interesa tiu ĉi, el la C. N. T.:
>
> «Ni gratulas vin pro klara defendo farita antaŭ Ligo de Nacioj. La antifaŝista Hispanio ne batalas nun kontraŭ ribelintaj samlandanoj, sed kontraŭ itala k germana Faŝismoj, invadintaj nian teritorion. Sciu la mondo tiun veron k agu juste.—Nome de Nacia Komitato de C. N. T.
>
> *Vazquez*, Sekretario.»

▲ Joaquín Ascaso, eksprezidanto de Aragona Konsilantaro, kiu estis arestita, antaŭ kelkaj semajnoj, sub suspekto pri delikto, ĵus estas elkarcerigita ĉar li aperis senkulpa en la koncerna afero.

▲ Largo Caballero, unu el la membroj de la Delegitaro de U. G. T. (Ĝenerala Unuiĝo de Laboristoj) k Gonzalez Peña, kiu kun aliaj kamaradoj reprezentis la Socialistan Partion, reveninte el Parizo faris deklarojn pri la kunveno de la Internacioj. La impresoj, kiujn portis ambaŭ laboristaj gvidantoj permesas esperi, ke la organizita proletaro tutmonda finfine ekagos praktike.

▲ Okaze de la fondiĝo de la Junulara Alianco, la Liberecana Junularo aperigis manifeston, en kiu ĝi diris: La venko pri unueco apartenas al neniu. Ĉiuj junularaj organizoj faris necesajn oferojn por neniel malebligi la deziron de la tuta kontraŭfaŝista junularo». Jen bona vojo irenda!

▲ Luigi Gallo, komisaro de Internacia Brigado, deklaris, ke la italaj, germanaj k francaj volontuloj, kiuj batalas en la Popola Armeo, havas grandan simpation al la programo starigita komune de socialistoj k komunistoj en Hispanio, kies unuiĝo donos ekzemplon k efikos vigle en la respektivaj landoj.

▲ La junularo de la diversaj hispanaj Respublikanaj Partioj pritraktas nun sian unuiĝon, cele al starigo de unu sola Respublikana Junularo, des pli oportuna ĉar ili jam aliĝis la Aliancon de la Junularo, konsistigata de respublikanoj, liberecanoj k marksistoj, sub la signo de harmonio.

> ▲ En la vespera ĉiutaga katalunlingva gazeto de C. N. T. en Barcelono, «Catalunya» (Katalunio) aperis antaŭ kelkaj tagoj artikolo, en kiu troviĝas la sekvantaj vortoj:
>
> «La procezo de spirita transformiĝo, kiu okazas en nia Organizo estas evidenta. C. N. T. (k ne nur ĝi sed ankaŭ la F. A. I.) kunlaboras hodiaŭ pli decide apud la registaro de la Respubliko k apud tiu de la Generalitato ol tiam, kiam ĝi havis siajn reprezentantojn en la registaro».

# LA GAZETOJ DE LA FRONTOJ

La ĵurnaloj de la batalfrontoj ŝprucis tre spontanee. Ĉirkaŭ tridek militgazetoj aperis en la unua epoko. Oni presis ilin modeste per skribmaŝinoj. Tiuj, kiuj povis ampleksigi sian eldonkvanton per multobligilo, ja estis «luksaj» gazetoj. Ĉiuj estis publikigataj en la fajrolinio. Kiam en Februaro 1937. la Milicoj ŝanĝiĝis en Regula Armeo, kelkaj el tiuj ĵurnaloj malaperis kun la politika nuanco, kiu naskis ilin. Aliaj transformiĝis je unuecaj organoj.

De tiam restas ankoraŭ kelkaj titoloj. La plej malnova ĵurnalo de la Centra Armeo estas *Avance* (Antaŭenmarŝo). Ĝin kreis la milicanoj de la «Kolono Mangada». Ĝia kvara numero, kiu estis la unua datumita, surhavas la daton 8. Aŭgusto 1936. Ĝi estis maŝinskribita k oni faris el ĝi du kopiojn, unu por la arkivo k la alia por trairi de mano al mano inter la batalantoj; poste la ĵurnalo progresis ĝis kiam ĝi povis akiri presilaron, kiun oni instalis sur ŝarĝaŭtomobilo. Nun, «Antaŭenmarŝo», dank'al la sola subteno de la soldatoj estas unu el la tri plej gravaj militgazetoj regule aperantaj ĉiutage. La aliaj estas «Avangardo» k «La Voĉo de l' Batalanto».

La Centra Armeo eldonas la plimulton el la tuta militgazetaro. El 150 gazetoj, kiuj proksimume publikiĝas, 92 apartenas al la Centraj batalfortoj. Tie, preskaŭ ĉiuj korpusoj, divizioj, brigadoj k eĉ batalionoj havas sian propran ĵurnalon. La titoloj estas plej variaj. Ordinare ili estas la samaj nomoj de la taĉmentoj, al kiuj ili apartenas. Aliaj konservas la nomojn de la Milicoj, kiuj fondis ilin. Tiel, «Ŝtalo», «Ruĝaj Kugloj», «Oktobro». Kelkaj havas, kiel titolon, neforgeseblajn devizojn: «Ili ne pasos!», «Al la venko!», «Ni pasos!». Multaj titoloj estas kvazaŭ simboloj de nia lukto: «Fajro», «Fero», «Unueco», «Atako». Ekzistas trafaj titoloj, ekzemple «Montsupro», organo de alpina bataliono, kiu postenas en neĝa regiono.

Tiujn gazetojn, kompreneble, tuŝis la reformoj pri disciplino k unueco, por kiuj ili mem pledis. Nun ilia publikigado sekvas la normojn starigitajn de la Komisararo. Tiu organismo gvidas, per siaj oficialaj ĉeforganoj «Avangardo» k «La Voĉo de l' Batalanto», la tonon por la ceteraj gazetoj. La politikaj komisaroj mem estas la direktoroj de la ĵurnaloj, per kiuj ili sin helpas en sia ofica laboro. Kelkfoje la komisaroj sin anstataŭas per lertaj kunlaborantoj, ĉerpitaj el la trupo. Ĉiu soldato rajtas verki por la gazetoj. La gazetoj estas disdonataj senpage. La eldonkoston oni pagas per libervolaj mondonacoj de la soldatoj. Se tio nesufiĉas, oni kovras la elspezojn per kroma helpo de la porpropaganda buĝeto, pri kiu disponas ĉiu komisaro por sia kleriga tasko.

# KRUELA KOMPATO

## DENOVE PRI LA INFANOJ

Sub la titolo «Barbara Humaneco», subskribita de Mary Saran, aperis, en nia estimata kolego «La Kritika Observanto», artikolo montranta la metodojn, per kiuj la anglaj katolikaj eklezìuloj praktikas la kristanan kompaton al la infanoj, rifuĝintaj el Hispanio. El tiu artikolo ni represas la sekvantajn paragrafojn:

«Certe, se ni serioze pensas pri tiu afero, ĝi montras nur la hipokritecon de tiuj, kiuj ignoris sian politikan respondecon, pasive aŭ aktive helpante al Franko, k nun provas kaŝi sian vere barbaran konduton sub la ŝajno de humana kompato.

La plej hontegan ekzemplon pri tia «Barbara humaneco» donis la katolika eklezio, kiu estas kulpa ne nur pro sia konsento pri la milito, sed ankaŭ pro fanatika subteno al Franko. Nun la angla ĉefepiskopo Hinsley faras petegon post petego pri mondono, por helpi al la baskaj infanoj. La motivoj de tiu vere kristana kompato estas malkaŝe konfesitaj. La animoj de tiuj kompatindaj infanoj, kies korpoj saviĝis de la bomboj de Franko, devas esti ŝparataj por la eklezio, k tiel por Franko, por kies venko, super «la vortoj de kontraŭ-Dio, kiuj puŝis Hispanion al sangverŝo», la katolikaj episkopoj konsilis al siaj ŝafaroj, ke ili preĝu. La angla *Catholic Times*, skribas:

Ne nur la materiaj bezonoj de la 4.000 infanoj estas endanĝerigitaj. Multe pli gravega estas la danĝero por ilia religio... Ekzistas multaj homoj en nia lando, kiuj sub preteksto de filantropeco, ekspluatados tiujn infanojn por siaj propagandaj celoj. Komunistaj organizoj jam serĉis kelkajn el tiuj infanoj... Ĉiu iometo da katolika helpo por tiuj infanoj baras la vojon, laŭ kiu ili povas iri en ne-katolikajn, kelkfoje en malpiajn manojn. Tiu scio instigas la hierarkion, fari pluajn postulojn pri katolika almozdonado.»

Oni petas pri katolika kompato, por ke oni povu pligrandigi katolikan influon en la Komitato por la baskaj infanoj. *Catholic Times* raportas kun kontento, ke «membroj de la komitato estis impresataj de la katolika alvoko». Sed, en Londona centro por hispanaj rifuĝintaj infanoj, konstatis ke:

«...el la 315 baskaj infanoj... nur 17 ĉeestis la meson, kvankam fakte ĉiuj certe estis baptitaj katolikoj. Nenio montras pli klare la urĝan neceson de angla katolika helpo por la protekto de ilia religieco.»

Baptitaj katolikoj, kiuj rifuzis la meson! tio indikas «komunistan venenon». Pri tio parolis la episkopo de Southwark (Anglio) en katolika kunveno, en kiu oni kolektas monon por la baskaj infanoj. Tiu cinika sankta viro unue bedaŭris, ke la baskaj infanoj devis veni al Anglio, ĉar kvankam tio apenaŭ sonas kredebla:

«estis ilia devo resti hejme aŭ kun la generalo Franko. Oni povas fidi lin. Li estas bonega katoliko, kiu faris sian plej bonon por Dio k sia lando, k li estas tute preta preni tiujn infanojn.»

Sed daŭrigis la episkopo:

«...ĉar ili ĉiuj estas ĉi tie... nia devo estas protekti ilin k elpreni la komunistan venenon el iliaj animoj k resendi ilin al Hispanio kiel bonajn katolikojn.»

Ĉu ne jam venis tempo por ĉiuj veraj kontraŭfaŝistoj, malkaŝi tian barbaran humanecon per vortoj tute klaraj k malebligi, ke la katolikaj amikoj de Franko havu ian influon al la infanoj, kies gepatroj en Hispanio batalas k mortas dum la lukto kontraŭ la Faŝismo?».

---

Tiel finas la artikolo. Ni limiĝas al tio, prezenti al la toleremaj nefanatikaj katolikoj, honestaj personoj, kiuj ne volas devige trudi la katolikismon al ĉiuj homoj sed kunvivi harmonie kun alireligianoj k liberpensuloj, tiun kazon pri perfortigo al konscienco de infanoj, edukitaj de gepatroj nekatolikaj, k la provojn encerbigi al ili religian kredon kune kun la intenco konvinki ilin—ilin, kiuj mem spertis la teruraĵojn de la murdanta faŝismo!— pri tio, ke generalo Franko estas «bonega katoliko k bonega patrioto». Oni ne povus elekti pli maltaŭgan procedon por katolikigi tiujn infanojn. Aŭdante tiun laŭdan esprimon por la hombuĉisto Franko, la infanoj nur povas senti pli fortan malamon al tio, kion reprezentas la malbenita vampiro, k eĉ se oni devigas ilin ĉeesti la meson, streĉi siajn pugnetojn en simbola gesto.

## Variantoj en la Temo

Laŭ publika anonco de nia Ministerio por Defendo, pere de Internacia Ruĝa Kruco, estis ŝanĝitaj sep aviadistoj de Franko, ĉiuj fremduloj, kontraŭ sep respublikaj aviadistoj, ĉiuj hispanoj.

Du el niaj aviadistoj, tuj kiam ili alvenis en Hendaye (Francio), antaŭ nia konsulo faris deklaraciojn, kiujn poste ili konfirmis antaŭ la enlandaj aŭtoritatoj.

«Ili estis kaptitaj—jen la deklaroj —la 2. de Novembro en provinco de Segovia k tuj kondukitaj al Salamanka, kie ili kuŝis en malliberejo ĝis la 16. de Marto, kiam kelkaj germanaj policistoj kondukis ilin al urbo Astorga k poste al haveno de Vigo.

En tiu haveno ili estis enŝipigitaj en germana ŝipo «Rolandoc-k» matrikulita en Bremen, kiu kondukis ilin al Hamburgo, ili elŝipiĝis tie la 31. de Marto. Oni kondukis ilin al subtera karcero, en kazerno de la politika polico Gestapo, kie nur oni donis al ili unu terpomon po tago k po persono. Nur dum 8 tagoj ili restis tie, sen ajna komuniko, k poste ili estis transportitaj al Berlina karcero.

Dum tri monatoj ili loĝis en tiu malliberejo, kie ili estis plej grave turmentitaj, ĉiutage ili estis trude petataj konigi militajn sekretojn. Ree k ade oni demandis al ili pri situacio, nombro k defendokapablo de respublikaj aviadkampoj.

Fine de Junio, k per trimotora aeroplano, ili estis kondukataj al Romo k poste al Gaeta, kie ili povis konstati ke la tiea malliberejo estis plenplena de italaj soldatoj, kiuj rifuzis iri al Hispanio.

Ili restis en Gaeta ĝis la 15. de Julio, kiam per alia aviadilo ili estis transportitaj al Pollensa, en insulo Maljorko, el kie—ankaŭ per aviadilo —ili vojaĝis al Ceuta k Cadiz. En ĉi lasta urbo, ili estis adiaŭitaj de faŝistaj aŭtoritatoj k dum tiu lasta momento, germana militisto petis al ili—promesinte mondonacon—pri forflugo al faŝista zono kun respublika aviadilo. El San Sebastian, per vagonaro, ili vojaĝis al franca urbo Hendaye.»

El ĉio tio, oni konkludas ke Franko liveras militkaptitojn al germanaj policistoj, ke oni transportas ilin per germanaj ŝipoj k oni enkarcerigas ilin en germanaj malliberejoj, kie oni turmentas ilin militcele. Poste Germanio cedas la kaptitojn al Italio.

Neniam okazis io simila en la mondo, k ni rezignas plie komenti tiun monstran sintenon de ĉiuj, kiuj intervenis en la afero. La sentema leganto tion jam faros tuj k siariske.

## Nia Legantaro Kunvenis!

*De nia bonega kunlaboranto k estimata administracia Peranto en Nederlando, k-do. Petro van der Plank, ni ricevis jenan raporton pri la resumoj de tiu grava kunveno, kiun li protokolis.*

En Roterdamo, dum la SAT-Kongreso, kiun partoprenis oficiale du redaktoroj de POPOLA FRONTO, ni okazigis kunvenon, por ke niaj abonantoj k legantoj havu bonan okazon diri siajn opiniojn rilate la gazeton. Ĉeestis proksimume cent gekamaradoj el 11 diversaj landoj. Ĝoje ni konstatis, ke ĝuste la terorlandoj, kie nia organo suferas malpermeson, estis reprezentataj. K-do. Hernandez (Valencio) skizis la historion, kiu pravigis la aperon de nia bulteno. Tre detale li rakontis pri la celo k alta valoro de Esperanto, hodiaŭ, por la laboristaro. «P. F.» ne estas regata de partifanatikuloj sed nur de kamaradoj, kiuj konscie k celtrafe laboras por liberigi la homojn de iliaj klasmalamikoj. Hispana afero estas ankaŭ ĉies problemo solvenda, ĉar post malvenko, la faŝismo ja ne estus satigita k la vico estus verŝajne tuj al unu el ceteraj landoj, kiuj nun estas fieraj ne havante potencan faŝismon. K-do. Bosch (Valencio) urĝe petis sugestojn, kunlaboron k ĉion, kio estas necesa por aktualigi, plibonigi la gazeton. Ne lasu nin hejmenveturi—li diris—kun malplenaj valizoj, sed kaptu la okazon ŝarĝi nin! K-do. Suggar (Anglio) opinias, ke la gazeto estas bona laŭ enhavo k stilo. Sviso parolas pri la bela efekto de «P. F.» en landoj, kiel Svisio, kie ĝi estas malpermesita; ĉiu kaptas la okazon k akurate zorgas, ke la enhavo estu disvastigita. Wijnmans (Nederlando) instigas fiksi abonprezon, per kio la enspezoj certiĝas. De Briujn (Nederlando) subtenas fiksan abonprezon k ne ŝatas la spritaĵojn en la gazeto, prefere ĝi restu objektive informa k klopodu grandigi la formaton, kiun li opinias neplaĉa. Ten Hagen (Nederlando) esprimas la deziron ne plu enmeti polemikaĵojn en «P. F.», kiel la «Publika Letero». Tion apogas svisa kamarado. Zaandam (Nederlando) plendas, ke la aktualeco de la gazeto ne taŭgas, k ke ĝi nepre devas aperi ĉiusemajne. Sekcio 2 F. L. E. Rotterdam diras, ke ĝi ricevas regule 10 ekzemplerojn k ĉiu, kiu deziras povas regule ricevi ĝin. Oni pagas laŭ bonvolo, sed akurate ni ĉiam povas forsendi monon. Alia roterdamano tre laŭdas «P. F.» kiel sendependan organon kun tre bela k bona enhavo; la kritiko estas nur pri la rilatoj inter la diverstendenculoj, kiuj ĉi tie en Holando estas malbonegaj. Ĉu ankaŭ en Hispanio ili statas tiel? Oni publikigu ion pri la rilatoj inter kompartianoj k socialdemokratoj k. t. p. La katolikoj ĉiam atakas nian movadon. Ĉu eblas sciigi detalojn pri iliaj agoj por k kontraŭ la nuna registaro? lu pledas por pli da spritaĵoj en la gazeto. K-do. Hernandez al ĉiuj demandintoj: «P. F.» estas organo de serioza laborista Esperanto-organizo en Valencio. Ni forte sentas la respondecon pri la enhavo k penadas kontentigi ĉiujn petojn. Pri la financa situacio, ni jam multe pritraktis k diskutis sed se ni estus fiksintaj abonprezon, multaj amikoj ne plu ricevus la gazeton, pro sia maleblo pagi ĝin. Ĉiu helpu laŭpove k tiel la afero reguliĝas aŭtomate. Kiu ne povas pagi iom, tiu subtenu nin almenaŭ morale k per propagando, sed bone komprenu, ke multaj moneretoj fariĝas kapitalo k ni faras k faros la bultenon pli aŭ malpli ampleksa, laŭ la monrimedoj pri kiuj ni disponos. Baldaŭ estos publikigata la financa bilanco dum ĝia unua eldonjaro, ĉar ni havas nenion por kaŝi. La formato devas resti la sama, taŭga por bindado k simila al aliaj Esperanto-gazetoj. Cetere pri papero, ni ne havas tion, kion ni volas. La provizo de papero en Hispanio estas tikla afero ĉar tiurilate en nia lando kreskas la malfacilaĵoj, k ni devas kontentiĝi per tio, kion ni trovas. «P. F.» ne estas iatendenca, ĝi rilatas lojale al Sindikatoj k Partioj diversaj, al kiuj apartenas jam delonge la kamaradoj, kiuj prizorgas la gazeton. Ĝi ne reprezentas iun sektoron, sed ĉiujn, kiuj batalas kontraŭ la Faŝismo. La politikon de la nuna registaro ni subtenas, same kiel ni fervore subtenis la antaŭan registaron sub prezido de Largo Caballero kun anarkistoj. Nun la anarkistoj, k Largo Caballero mem, restas ekstere ĉar ili volonte rifuzis partopreni la novan kabineton. Ekde la komenco de la milito, tuj post eksplodo de la faŝista ribelo, tio estas preskaŭ ekde la unua numero de «P. F.», ni estis fidelaj defendantoj de ĉiuj registaroj, kiuj sinsekvis en Hispanio, ĉar ĉiuj ili estis k estas lojalaj k fidindaj por la popolo. Ni apogas la registaron, ĉar ni firme kredas, ke sub ĝia gvidado unue ni devas zorgi, ke Hispanio estu libera je siaj invadintoj k la proletaro de siaj klasmalamikoj, kiuj okaze de sia venko ja forprenus el ni ĉion, kion ni akiris. La popola fina venko obsedas nin. Ni ŝatas vivi libere k por efektivigi ĉi tiun liberon, ni momente ege suferas. Vi ĉiuj, laŭ forto k kapablo helpu, ke nia batalo ne estu vana. Vivu do la Popolfronto!

PETRO van der PLANK

**NOTOJ DE LA REDAKCIO.**—Ni kore dankas k-don. Van der Plank pri lia raporto k ni devas aldoni: ke li, pro troa modesteco, silentis niajn laŭdajn k dankajn esprimojn dum la kunveno, al li mem k al ĉiuj niaj holandaj kunlaborantoj, speciale pri la nederlandlingva eldono de «P. F.», kies sukceso progresas dank' al ilia sindono k laboremo. Aliflanke, li forgesis verŝajne, diri, ke oni diskutis pri eventuala enmeto de ne-hispanaj originaloj en la nederlanda filio k estis decidite ke, laŭ interkonsento, kiam oni ekentreprenis tiun eldonadon; la nederlandlingva eldono de la gazeto restu fidela traduko de la esperantlingva originalo. Aliel ĝi perdus sian devenan valoron k eĉ sian ekzistopravon. La eldonistoj estas rajtigitaj de ni, enmeti lasthoran novaĵon pri la milito aŭ en rilato kun ĝi, por aktualigi pli bone la gazeton, sed la cetera teksto de ilia eldono estu ĉiam kopio de la originala fonto, kiu ekfluas inter la rokoj de la hispanaj okazintaĵoj, akirinte per tio plenan aŭtoritaton.

**Via helpo al Hispanio estas apogo al la muro defendanta vian pacon!**



# LA ĈEĤOSLOVAKA STANDARDO FLIRTAS FUNEBRE...

Ĉeĥoslovakio funebras. Masaryk mortis! ne temas nun pri ŝablona patoso okaze de la morto de ordinara ŝtatestro. Masaryk, dumviva prezidanto de la plej juna eŭropa Demokratio, estis, k daŭre restas tiel, ekzemplodona figuro pri politika honesteco por ĉiuj liberalaj personoj k progresemaj homoj de la tuta mondo.

Masaryk, delikata spirito, klera aŭtoro de valoraj verkoj pri historio k filozofio; plej alta simbolo de tuta nacio, estis ĉiam tiel modesta ke neniam li forgesis sian humilan devenon. En lia koro neniam velkis la amo por la libero de ĉiuj popoloj ĝemantaj sub premo de tiranio.

Masaryk gardis ĝentilajn pensojn por Hispanio. En nia kapo aperas nun la rememoro de frazo lia kiam la hispana reakcio, en Oktobro 1934, sufokis revenĝe la proteston de la ministoj de Asturio. La simpatia avo de la Demokratio ne konsideris baron okupi superan ŝtatan postenon por ĉizi jenan belan penson: «Ne taŭgos la malkuraĝa revenĝo de tiuj, kiuj nun sin kredas ĉiopovaj. La vera potenco estas ĉiam apud tiuj, kiuj, sen oficiala povo, estas pretaj gajni respekton per noblaj k sindonaj gestoj».

La hispana popolo ne povas forgesi tiujn ĉi vortojn! Hispanio, kun ŝirantaj vundoj, defendas sur kruda tereno, la principojn, kiuj estis akso nefleksebla por la imitinda vivo de la Homo, kiu ĵus mortis...

En la universala koncerto de kondolencoj, POPOLA FRONTO sobre k respekte vibrigas la kordojn de bedaŭro k ĉagreno je nomo de tiu sana esperantismo, kiu aktive uzas siajn defendokapablojn por akiri rajton k meriti ekziston inter la popoloj kun digno k libero. Samideanoj k amikoj el Ĉeĥoslovakio, jen nia mano, jen nia koro, jen nia vivo por eviti makulojn al la doktrinoj de la kara Tomaso Masaryk.

# KOMANDANTO WALTER MORTIS...

(De Ilya EHREMBURG)

La faŝistoj alproksimiĝas. Neniu restas en la vilaĝo krom la stabo de la kolonelo k unu maljunulino surda. Ĉe la preĝeja turo estis nesto de cikonioj. Oni sternis la turon. Inter la ruinoj, kuŝas la mortinta birdo kun la beko malfermita. La kugloj zumas en la ŝpinejo k traboras la murojn. Ĉiunokte la maŭroj sin trenas, el siaj tranĉeoj. La proksima urbo estas defendata de bataliono da ministoj. Naŭ, dek, dek-unu tagoj.... La loĝantoj forgesis jam, kio estas dormo. Ĉiuj havas ŝvelintajn k ruĝetajn okulojn: ĉiuj estas senfortaj. Restas nenio por manĝi krom biskvitoj.

La malamiko decidis sieĝi la urbon. Nun ĝi premas ĉe la ŝoseo, kiun defendas la bataliono de Walter. Hieraŭ ili perdis la tombejon. Ĉi matene ili rekonkeris ĝin. La obusoj malfermis la tombojn. Oni vidas sekajn ostojn k, apud tio, kadavrojn. Enterigo ne eblas.

Oni diras: —Estas necese evakui la urbon. Nek venis nek venos helpo. Se «la aliaj» prenas la ŝoseon, ĉiuj ni falos kiel en retkaptilon. Kaj, kiamaniere konservi ĝin? La «aliaj» havas almenaŭ kvar mil maŭrojn...

Walter respondas: —Ne klaĉu. Ni ricevis ordonon, do ne decas nun diskuti! —Ili ree venos ĉi tiun nokton.

—Nu, bone! Kio plej gravas nun estas trovi tuj bonan cigaredon...

Nokte. Subite komencas pafado. Terura pafado. Ŝajne, la «aliaj» decidis okupi la ŝoseon je ĉiuj kostoj. Niaj soldatoj respondas malvigle. Malabundas kugloj k oni devas ŝpari ilin.

Frumatene kamarado Gomez venas kurante. Pro emocio, li preskaŭ ne povas paroli: —Ili foriris! ili foriris!

En la kontraŭa flanko, efektive, estas la tranĉeoj forlasitaj, kadavroj, matracoj, pikildratoj... La malamiko ne sukcesis persisti antaŭ nia kontraŭstaro. Ilia nokta atako nur protektis retroiron: —Antaŭen!

Dum unu tago oni marŝas dek-du kilometrojn. Oni tranoktas en la vilaĝo. Kiam la batalo komencis, la kamparanoj disiĝis plurdirekten. Nun ili revenas, portante panon, ovojn k vinon por la soldatoj.

La ĉefo de la bataliono nomiĝas Pardos, juna ministo el Linares (*). Li demandas al Walter:

—Ĉu vi estis en Moskvo? —Jes!

—Ja, oni ne emas morti! Mi ankoraŭ nenion vidis dum mia vivo...

Walter, ridas: —Kial morti? Se ni sukcesis hieraŭ savi nin, jam nenio nin trafos...

—Kiel bone vi lernis la hispanan lingvon!

La ministoj ridas. Ili kantas ĥore. La melodio estas malĝoja. Ili kantas, ke neniam la maŭroj trairos la «ponton de la Francoj» (**).

—Diru, Walter. Kion vi faros post la milito?

—Mi revenos en mian landon. Tie ankoraŭ mi luktos...

Pardos diras, konfuzite: —Ni iros tien kun vi...

Ĉiuj kantas: Kantoj pri la ĝardenoj de Granado, pri iu mokema knabino, pri ŝafgardisto, kiu trovis hufoferon... Walter estas ĝoja hodiaŭ. Por li la estinto ne plu ekzistas... persekutoj, karceroj, izoleco. La amatino vivas k ŝi venos baldaŭ al Hispanio. La urbo estas defendata sukcese... —Baldaŭ ni kantos en Kordobo! Aŭdiĝas ŝafa bleko. Walter, kuŝanta sur la malsekeca pajlo, ekdorme ridetas en la malhelo.

---

Walter ne plu vekiĝis. Peco da bombo rompis lian kranion. Apud la ĉerko staras la polo Jan. Li tukumas sian nazon... La larmoj sufokas lin.

Frumatene foriris la bataliono. Oficiro kunvokis ĉiujn: —La komandanto...

Neniu scias, kion li intencis diri. Iom da tempo li restis silenta; finfine li faris geston per la mano k komandis:

—Ekmarŝu!

Hieraŭ la bataliono marŝis kun kantoj. Hodiaŭ ĝi remarŝas silente. La sama penso okupas ĉiujn kapojn...

La korpon de Walter oni portis al la urbo. Ĵus hieraŭ, la faŝistoj estis repuŝataj k la vivo tie eknormaliĝas. La laboristoj ekzamenas la maŝinojn.

La kolonelo apudiras la ĉerkon. Li staras rigide, la pugno ĉe la viziero. Liaj lipoj tremetas. Poste, kun respektema timo, alproksimiĝas la laboristoj. Ili forŝiris multajn papavetojn el la kampoj. Nun ŝajnas, ke la ĉerko estas ŝprucigita per sangogutoj. Jan demandas:

—Kien ni portos lin?

Oni lokigis la ĉerkon en la lernejo. La tegmento estas truita per bombo. Iu laboristino mallaŭte diris al la kolonelo: —Morgaŭ ni eklaboros... militlaboron...

Kaj subite ŝi aldonas: —Malfeliĉa germano!

Poste oni kondukis la kadavron al Valencio. En la vilaĝetoj, la kamparanoj aliris ĉe ĝia paso. —Kion vi portas? Jan respondas: —Batalinton! La virinoj, kun kruĉoj surkape, haltis k spiregis dolore. Ili diris al siaj infanoj: —Rigardu! La viroj, faliginte la fosilojn, seriozmiene levis la pugnojn.

Trapasante en Albacete, venis soldatoj de kelkaj brigadoj. Ĉiuj kantis «La Internacion». Vundito kun tuko en la kapo ripetadis flustre: —La kamarado Walter...

En Valencio, marŝis milita muzikistaro post la ĉerko. Silentego regas. La flagoj restas senflirte. Majoro Martinez, devas fari paroladeton. Li scias, ke tiuokaze oni ĉiam pritraktas la vivon de la koncerna homo.

Li demandas al Fritz: —Kion li faris antaŭ ol la milito? Fritz respondas: —Mi ne scias.

Sed tuj li aldonas: —Kion li faris? Li ĉiam luktadis...

Kamarado Martinez ne scias paroli. Li estas asturano, ministo. Nun li estas tankisto. Li memoras pri la vizaĝo osteca k seka de Walter, pri lia cikatro en la kapo, pri lia modera voĉo...

Martinez diras: —K-do. Walter venis helpi nin. Sian tutan vivon li bataladis kontraŭ la Faŝismo, k li mortis en la milito... Iu ekploras, sur la fono el laŭra bruna verdo kun brilo de rozoj k bajonetoj...

Ehrenburg

(*) Provinco Jaen, sude Hispanio. (**) Super rivero Manzanares apud Madrido.

POST LA KONGRESO EN ROTERDAMO

# PECO DE KLASBATALO

S-ro. Bas Wels estas eminenta komedianto, tiel en laborkunsidoj kiel en gajaj vesperoj por kongresfinaj festoj. Li ne volas esti nur aktoro sed aspiras ankaŭ esti aŭtoro, li verkis tiucele bombastan leteron por nia kolego «Informa Bulteno» de Barcelono. Ni bedaŭras, ke ni ne povas foruzi tro da spaco por reliefigi la talenton de tiu virtuozo de la deklamarto k de la emfazo. Tial, nia komentario estos mallonga k facile komprenebla por ĉiuj ĉeestintoj:

Nia k-do. Hernandez intence forsilentis la incidentojn de Majo, kiam li priskribis la antifaŝistan popolan spiriton en Hispanio; kial? Unue, ĉar li volis eviti eventualan polemikon inter malsamopiniantaj kongresanoj. Due, ĉar lia celo estis bildigi la unuecan lukton—ne la kverelajn diverĝojn — kontraŭ la komuna malamiko, *unueca batalo, kiu fakte ekzistas,* malgraŭ la diverseco de partioj k skoloj. Trie, *ĉar s-ro. Wels, kiel Prezidanto de la O. K. K. per letero, kiun li estis sendinta al ni, petis nin ne tuŝi politikajn temojn por ne endanĝerigi la Kongreson per ebla interveno de policanoj.*

Pro tio, k-do. Hernandez pledis por la «sennuanca» antifaŝismo hispana sen distingoj. Tamen, s-ro. Wels, forgesinte sian rekomendon trovis nian priskribon *tro bela aŭ tro honesta* k prezentis sian panoramon, *endanĝerigante li mem la Kongreson.* Jen liaj propraj vortoj: «Tiam la Prezidanto de O. K. K., kiu tiel multe pledis por la ordo, kamaradeco k harmonia sfero en la Kongreso, petis la parolon k tuŝis la aferon, kiu dum duonhoro boligis la animstaton de la kongresanoj *k endanĝerigis* ĝisnunan plejharmonian Kongreson...»

Cetere, POPOLA FRONTO neniam nomis la katalunajn kamaradojn «spionojn de la faŝismo». Diri tion, estas insidi senpruve, eĉ se oni svingas la tutan kolekton de «P. F.» Aliflanke, ne la Prezidanto de la laborkunsido avertis s-ron. Wels, sed s-ro. Wels avertis la Prezidanton, ke «oni tuŝas danĝeran temon»—k estas li la unua, kiu ĝin ektuŝis!—. Laste, la Prezidanto ne retiris la parolrajton al k-do. Hernandez, kiu refutis, ĝis la fino, la malicajn «refutojn» de s-ro. Wels.

Pri la mono. Ni nek volis, nek petis, nek pensis, nek esperis, ke oni donu ĝin al nia gazeto. Se ni estus ricevintaj ĝin, kun konkretaj instrukcioj de la Kongreso, ni estus plenumantaj la koncernan mandaton.

Hernandez ne diris eĉ unu solan vorton pri la mono. Akuzo en tiu direkto estas simpla kalumnio!

S-ro. Wels finas sian leteron dirante, ke S. A. T. ne toleras «faŝismajn agojn de kia ajn koloro.» Nu, bone. Ĉu per tio li aludas nin, kiel reprezentantojn de iu elpensita, en lia kapo, «popolfronta faŝismo»? Tiuokaze, la afero estus tiom sprita, ke ni havus ridon por la tuta jaro.

La legantoj, konkludu kiakoloran faŝismon oni servas per tiuj disigaj procedoj, prezentataj tre ruze kiel «peco de klasbatalo».

Kia forta imagpovo! Kia flatado! Kia haladzo!



## POPOLA DIPLOMATO

Bolŝeviko, en rolo de diplomato, estas nova popola elemento, kiu detruas ĉiujn klasikajn normojn de la Diplomatio, speciala arto, ĝis nun, por trompi k mensogi per solenaj riverencoj.

Litvinof estas internacia delegito de ĉiuj suferantaj popoloj. Lia sperto malkovras intrigojn. Per kuraĝa apliko de la vero, eĉ kun sprita akcento, li ŝiras vualojn el hipokritaj promesoj. Ĉiuj antifaŝistoj scias, ke Litvinof deĵoras konstante en grava tranĉeo por observi k nuligi la paŝojn de Hitler k Mussolini, danĝeraj pulĉineloj de tragika farso, kies fadenojn Litvinof ĵus fortiris. Tial li estas ja tre multe amata de la hispana popolo!



Je la nomo de Dio!

# Inter Dio kaj Cezaro

Speciale dediĉita al FUKEano, (ĉe *Flandra Katoliko*).

Kolektive, la hispanaj episkopoj deĵorantaj en la faŝista kampo verkis publikan leteron adresatan al la katolikoj de la tuta mondo. Per ĝi, tiuj altaj ekleziuloj prezentas tezon por pravigi la ribelon de Franko. Ili diras aplombe, ke tiu ribelo estis absolute necesa «por eviti komunisman revolucion k savi la religiajn k naciajn tradiciojn de Hispanio.»

La letero de la episkopoj pruvas ankoraŭfoje, ke la Katolika Eklezio en Hispanio estis ekstreme reakcia, forte ligita al la kapitalismo k al la grandbienularo. La hispana ekspluatanta klaso sin apogis sur du kolonoj: la ekleziularo k la civilgvardio.

Kiaj estis la bazoj de la socia vivo en Hispanio?: Industrio posedata de eksterlandaj kapitalistoj. Kamparana proletaro, kiu vivis en nepriskribebla mizero. Granda parto de la loĝantaro tute analfabeta. Grandaj terposedantoj k nobeluloj, kune kun militistoj k gvidantaj funkciuloj de la Eklezio, subpremis la hispanan popolon, dum longaj jarcentoj.

Jen do ĉio, kion la pacema revolucio—rezultato de laŭleĝa balotado—volis transformi. Tion ne povas pardoni la reakciaj episkopoj. Tial ili tre vulgare agitas pri evito al «komunisma» revolucio. Ne eĉ unu vorto aperas por mallaŭdi la riĉulojn, kiuj respondecas pri la nuna milito! La episkopoj ne nur ne kondamnas la ribelulojn sed male, ili senkulpigas la posedantajn tavolojn pri «neceso» renversi la legitiman ordon. Evidente, la ekleziaj altranguloj, tro malproksime de la primitivaj apostoloj neniam komprenis la aspirojn de la amaso.

Se la kolero de la hispana popolo sin direktis kontraŭ la klerikalismo, tio estas ĉar la Eklezio estis unu el la ĉefaj bastionoj de socio, kiu fariĝis neelportebla. La hispanaj episkopoj ne komprenis ankoraŭ tion, kion en aliaj landoj de Eŭropo komprenis la katolikoj, nome: ke forta antiklerikalismo estas sekvo de maltolerema k tro konservativa Eklezio.

Semi venton, estas rikolto de uragano!

La hispanaj episkopoj provas pruvi pamflete, ke oni preparis «bolŝevikigon» al Hispanio; ili parolas pri persekutado al la pastroj k pri «sovetigo» de la industrio. Kurioza konfuziĝo! La spiritaj interesoj de la Eklezio k la materiaj interesoj de la plutokratoj estas do, nedisigeblaj...

Aliflanke, la politika episkoka letero faras senbazajn asertojn, kontraŭ kiuj staras la realo: la partopreno en la registaro de demokratoj, katolikoj k etburĝaj liberaluloj, kiuj restis fidelaj al sia konstitucia juro. Sed la hispanaj episkopoj baptas kiel «bolŝevikojn» ĉiujn, kiuj, defendante la liberon, ne akceptas la jugon de Franko.

La «naciaj tradicioj» sendube konsistas en tio; liveri niajn virinojn al la maŭroj k ankaŭ niajn urbojn k vilaĝojn; donaci al Italio la Balearajn Insulojn k al Germanio la produktojn el la minoj de fero. Ankaŭ estas «naciaj tradicioj» fusilmortigi la baskajn pastrojn, bruldetrui la sanktan urbon Gernika, k. t. p. Pri tiuj krimoj, niaj episkopoj absolvas la buĉistojn.

La hispanaj episkopoj montris bone sian nekristanan spiriton per tiu hipokrita letero, kiu cetere estis trude akceptigata al multaj pastroj, pri kiuj ni faras dankan esceptom. Tial la alilandaj episkopoj, disvastigante la leteron de siaj kolegoj el Hispanio, efike batas la moralan prestiĝon de la Katolika Eklezio, kies teraj administrantoj volas konvinki la kristanaron doni ankaŭ al avida Cezaro tion, kio nur apartenas al la bona Dio...

## HO, KIA FORGESETO!

En la unua k freŝa jarlibro de I. E. L. ekzistas listo k adresaro de la aperantaj Esperanto-gazetoj. Ĉiuj periodaĵoj, eĉ simplaj klubaj bultenetoj, havas sian lokon... Tamen ni serĉis k reserĉis la titolon de nia gazeto tute sen sukceso. Ni ekdubis jam pri nia fizika ekzisto; estis necese rigardi k palpi la numerojn de preskaŭ unu jarkolekto, fari kalkulojn pri la cent rismoj uzitaj por la proksimume cent mil ekzempleroj dissenditaj tra la mondo k ne forgesi pri la miloj da pesetoj, libervole ricevitaj de ĉiutendencaj esperantistoj, *kiel sola financa rimedo;* por konstati ke POPOLA FRONTO ne estas fikcio k finfine konkludi, ke tiu forgeseto, en la jarlibro de I. E. L., eble nur estas simpla efekto de optiko ĉar distraj okuloj eble povas pli facile vidi la pulojn ol la elefanton... Kia forgeseto, kia forgeseto!...

# MOZAIKO

● Niaj «naciistoj» estas tre ŝparemaj... por la kulturo. La «Oficiala Bulteno de la Ŝtato», kiu eldoniĝas en Burgos, publikigis dekreton la 15. de Septembro per kiu oni ŝlosas «pro ŝparo» la liceojn, kiuj funkciis en 40 urboj. Krome ankaŭ du model-liceoj en Seviljo k Malago estas fermitaj pro sama kaŭzo.

● Dum unu sola monato (Aŭgusto) la Milicoj de la Kulturo, daŭrigante sian laboron, kreis en la batalfrontoj 112 novajn bibliotekojn.

● La registaro dekretis la enskribon de ĉiuj viroj inter 18 k 20 jaroj en la tuta lojala teritorio, por «antaŭarmea instruado». Tio tute ne implicas tujan partoprenon en milito, sed paŝon por formi preparitajn rezervojn. La milita aĝo en Hispanio estas 21-jara.

● La konsilantaro pri Fizika Kulturo k Sportoj kreis specialan fakon por disvolviĝo de la aera sporto, senmotoraj flugadoj k paraŝutismo, kun ekzercaj bazoj en Barcelono, Madrido k Valencio. Tiu dekreto trafis tre entuziasman akcepton ĉe la junularo.

● Laŭ sciigoj el fidinda deveno, Mussolini ĵus vendis al Franko dekdu submarenojn, kiuj estas servataj de italaj oficiroj k maristoj. Tiamaniere jam Italio havas «legianojn» ĉiuspecajn en Hispanio; armeanoj, aviadistoj k ŝipanoj sur- k sub-maraj.

● Seninterrompe kontinuas la instalado de novaj liceoj por laboristoj. Post du monatoj, ekfuncios jam tiu de Madrido. Tiu liceo okupos vastan domegon, tre komforta, kie lernos 800 junlaboristoj, el kiuj 400 loĝos en ĝi laŭ reĝimo de internigejo. La Ŝtato subtenas la instruadon k la elspezojn de la lernantoj k eĉ pagos al ili la perditajn salajrojn pro forlaso de iliaj oficoj. La plej kapablajn laboristojn oni elektas por tiaj lernejoj.

Krome aperis dekreto malfermante la pordojn de ĉiuj superaj lernejoj k universitatoj al la laborista klaso, kun senpaga studado k subvencioj al la studentoj. Laŭ reguloj de la dekreto rajtas ĉeesti unuavice la orfoj k la filoj de la batalantoj k la militvunditoj. Poste sekvas ĉiuj, kiuj posedas kapablecon k ĝis nun ne povis, pro manko da monrimedoj, sekvi la superajn studojn, kiu estis privilegio en la ĵusa estinteco, nur por la riĉuloj.

● La hispana registaro komunikis al usona registaro ke nia Ŝtato tuj komencos pagi la blokitajn kreditojn de kelkaj usonaj firmoj; temas pri kreditoj ceditaj antaŭ ol la komenco de la milito. Nia prezidanto Negrin sendis leteron al usona registaro, per kiu li asertas, ke tio estas nova pruvo pri la decido de hispana registaro plenumi siajn internaciajn devojn.

● Dum oni paroladas, diskutas k promesas, oni sciigas el Tanĝer ke la 6. de Septembro alvenis en haveno Melilla 7.000 italaj soldatoj. Tuj post ilia alveno eliris el tiu haveno tri divizioj. Italaj oficiroj deklaris, ke post tiuj soldatoj oni atendas la alvenon de grandaj kvantoj, kiuj venos post kelkaj tagoj. Ankaŭ vojaĝas al hispana Maroko germanaj inĝenieroj, kiuj zorgas pri fortikaĵoj en landlimo de hispana k franca zonoj, instalinte potencajn artileriajn bateriojn.

● Kiam la urbestro de München akceptis la 114 hispanajn faŝistajn pionirojn, okazis komika incidento. Oni deziris fari «spontanean» omaĝon al vizitantoj k oni decidis, ke la orkestro de Nigra Gvardio interpretos la faŝistajn himnojn. Kun etendita brako ĉiuj pretiĝis aŭskulti k la orkestro ekludis... la oficialan himnon de Hispana Respubliko. La hispanaj faŝistoj tuj kriis k insultis, k la muzikistoj haltis. Post klarigo oni aranĝis la aferon.

● En Madrido, ĉe la palaco de la Nuncio, t. e. ambasadoro de la Papo, la polico trovis kelkajn fusilojn k bombojn, mitralilon k municion. Estas arestita oficisto de la palaco. Kiel oni vidas, ankaŭ la Vatikano partoprenas la Ne-Intervenon.

● La ĵurnalo *Critica* el Buenos Aires sciigas ke la paragvaja gitaristo Juan Pedro Lopez vizitis la redaktejon k anoncis ke li rifuzas konservi gitaron, kiun li ricevis, kiel donacon de la aviadisto Rajmundo Franko, frato de la ĉefa perfidulo. Tiun gitaron li ricevis, antaŭ kelkaj jaroj, okaze de la fama unua rekta flugo al Ameriko; kun letero, kiu tekstis jene: «Mi sendas al vi gitaron por ke vi kantu la gloron de la industrio, de la progreso k de la libero; sed mi deziras, ke ĝi rompiĝu en viaj manoj la tagon kiam vi kantos la tiranecon». Juan Pedro Lopez ĵus diris: «Ĉar tiu ĉi Franko nunmomente servas la tiranecon kontraŭ la hispana popolo, mi ne plu volas konservi la gitaron».

● La litovia eksministro Felikso Cielens, kiu ĵus vizitis Valencion publikigis artikolon en valencia gazeto, kiun li titolis «Antaŭen en la Ofensivo!» k per kiu li asertas ke la triumfo de respublika Hispanio supozas «la plenan nuligon de la faŝismo en tuta Eŭropo».

● El itala deveno oni sciigas, ke en la mara zono inter Spezia k Genova estas preparataj 100.000 italaj soldatoj, pretaj vojaĝi al Hispanio. El haveno Genova ĵus eliris la ŝipo *Città di Bengasi* kun 400 aeraj pilotoj. En sama haveno estas la ŝipo *Calabria* preta al tuja eliro kun novaj militistaj unuoj.

● Jen kelkaj fragmentoj el letero de angla dukino de Atholl al generalo Miaja: «La bombardadoj al Madrido, eĉ en la epoko kiam mi vizitis la ĉefurbon, konfirmas sendube la terurajn okazintaĵojn de Santander.» «Kun granda intereso mi atentas la heroajn agojn de via armeo k la noblan sintenon de madrida popolo.» «Mi povas certigi al vi ke ĉiam mi laboras por ke la angla popolo sciu la veron pri la teruraj faktoj.»

● En Asturio, ejo de herooj, kie niaj soldatoj rezistas la plej kruelan atakon, ĵus okazis eksterordinara okazintaĵo. Dum atako de faŝista aviadilaro al niaj tranĉeoj, la serĝento Celestino Antuna, el 253 Bataliono, faligis tri ĉasaeroplanojn per sia mitralilo. Li estis tuj pligradigita; nun li jam estas leŭtenanto. La soldatoj, kun entuziasmo, aklamis lin.

● La ĵurnalo *La Gazetta del Popolo* de Milano, deklaris, ke «la legiaj italaj aviadistoj bombardis Valencion la 15. de Septembro, vespere».
Ne estis necesa tiu deklaro...

● Kiel la fratoj Roselli en Francio, en Tunizo falis, sub la kugloj de la Faŝismo, José Micelli, direktoro de demokrata gazeto. Tiu nova murdo estas kvazaŭ akuza pruvo por tiuj, kiuj ankoraŭ ne konscias pri faŝista taktiko, tre danĝera por la paco.



## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon.

Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

| ĜENERALA INTERNACIA ADRESO | NEDERLANDA ADRESO |
|---|---|
| nur por mono | nur por mono de holandanoj |
| GUSTAVE FARENC | PETRO van der PLANK |
| 53, Rue Brise-Pain | Van Speijkstraat, 48-I |
| Poŝtĉekkonto 13944 Orleans | poŝtĝiro 245542 |
| ORLEANS (Loiret) FRANCIO | AMSTERDAM W. Nederlando |

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—23 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7

SVEDIO.—ARBETAR ESPERANTISTEN.—Barnhusgatan 8 ö. g. n. b., Poŝtĝiro n.º 53411, STOCKHOLM

BELGIO. — K-do M. DELFORGE. — 33, Rue de Heigne, Poŝtĝiro 199106, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro . . | 274'50 | ptoj. |
| P. S.—Orihuela . . . . . | 6 | » |
| L. A.—Laguarda. . . . . | 10 | » |
| A. N.—X. . . . . . . . | 10 | » |
| J. M.—Albacete . . . . . | 100 | » |
| J. C.—El Escorial . . . . | 5 | » |
| E. G. B.—Madrid. . . . . | 4 | » |
| J. R.—Bujaraloz . . . . . | 10 | » |
| W. V.—Tamequa. . . . . | 1 | dol. |
| C. P.—Vaulx en Velin. . . | 10 | ffr. |
| G. J.—Cholet. . . . . . | 5 | » |
| R.—Cholet. . . . . . . | 5 | » |
| L. Ch.—Cholet . . . . . | 5 | » |
| A. B.—Cholet. . . . . . | 5 | » |
| N. N. k N. Th.—Bensuc T. . | 20 | » |
| S. J. S.—Londono . . . . | 10 | ŝil. |
| FLE Sekcio.—Leiden . . . | 3 | gd. |
| F. v. d. M.—Utrecht. . . . | 2 | » |
| N. N.—Rotterdam. . . . . | 0'50 | » |
| J. P.—Breezand . . . . . | 10 | » |
| J. B.—Arkel. . . . . . . | 0'50 | » |
| D. v. M.—Amsterdam. . . | 0'20 | » |
| L. J. B.—Rotterdam. . . . | 0'50 | » |
| FLE Sekcio 2.—Rotterdam. . | 7 | » |
| K. Y.—Batavia. . . . . . | 5 | » |
| A. v. d. L.—Rotterdam. . . | 1 | » |
| G. J. W.—Den Haag. . . . | 1 | » |
| L. B.—Wormerveer. . . . | 2'90 | » |

Pro antaŭa eraro, ni denove kvitancas jenajn sumojn:

| | | |
|---|---|---|
| J. J. S.—Amsterdam . . . | 4 | gd. |
| J. B. P.—Rotterdam. . . . | 1 | » |

**AVIZO** Kiam ĉi tiu numero, ĝustatempe, jam estis kompostita, la aĉetita k atendita papero ankoraŭ ne venis el Barcelono pro naturaj malfacilaĵoj en la transporto. Ni devas uzi devige paperon el malalta kvalito, kio malbeligas plie la prokraston. Niaj legantoj scios kompreni k pardoni.

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

SOVETIO.—Okaze de la 20-jara datreveno de Oktobra Revolucio en nia lando estas tre dezirinde ricevi salutleterojn por laboruloj de U. S. S. R. Tial oni petas sendi individuajn aŭ kolektivajn leterojn de laboristaj, junularaj, sportaj k. a. organizoj. Ĉion ni klopodos aperigi en pluraj ruslingvaj ĵurnaloj. Adreso: K-do Andrej Sidorof, Srednc - Smolenskaja ul. 28, Voroneĵ.

SVEDIO.—K-do Adar Bengtsson, Sovsater, Tunafors, Eskilstuna, dez. kor. kun batalantaj soldatoj ĉe la diversaj hispanaj frontoj. Li povas korespondi esperante, germane k angle.

HISPANIO. — K-do Carlos Marzal-Puerta Nueva, Utiel (Valencia) dez. kor. ĉ. l. k ĉ. t. certa respondo! Skribu multe!

## LASTA HORO

Asturio estas nun la punkto, kie la milito akiras epopean k patosan karakteron. La italaj divizioj atakas kun urĝa bezono por likvidi la nordan zonon antaŭ ol la vintra sezono; sed la mirinda k drasta rezisto de la bravaj ministoj renversas la fiajn intencojn. Hodiaŭ la malamiko preskaŭ estas haltigita.

En la aragonaj frontoj nia ofensivo daŭras k en ceteraj frontoj okazas nenio rimarkinda.

En la fronto internacia, kiel ĉiam, ni gajnis nur moralan prestiĝon...

**POPOLA FRONTO** estas tute privata entrepreno, *sen oficiala stampo*, de Grupo Laborista Esperantista en Valencio. La gazeto ricevas *nenian subvencion!* Ĝi vivas nur per libervolaj mondonacoj de sia legantaro, sola mastro, kiun ĝi akceptas. Ĉiuj redaktoroj, kiel civitanoj, estas malnovaj membroj de unu aŭ alia popolfronta partio; sed ankaŭ, samtempe, ĉiuj ili, kiel laboristoj, estas antikvaj membroj de unu aŭ alia el la du sindikataj organizoj: U. G. T. aŭ C. N. T. Tute prave do ili rajtas paroli en Esperanto kiel organizitaj laboristoj k civitanoj!

## POPOLFRONTA LETERUJO

S. M. S.—Rajeĉko.—Tuktore ni dankas vian emocian salutleteron k viajn sindonajn klopodojn favore al nia batalo.

W. V.—Tamagua, Penn.—Bonvole k plezure ni sendis al vi la indikitajn numerojn. Via monsendo aperos kvitancita en la rubriko «Nia Municio»:

G. E. T.—Tanger.—Ni aperigos k petos represigon de via anonceto. Ni zorgas pri via denunco k penos atingi solvon por viaj pravaj plendoj.

A. v. d. S.—Ymuiden.—K-do. H. ricevis vian afablan leteron. Kun bedaŭro, pro manko de tempo, li ne povas respondi ĝin perletere. Li dankas k ŝatas vian ĝentilan klarigon. Liaopinie, via sinteno estas larĝe influita de Tolstoi, Gandhi k similaj filozofiaj skoloj; sed de klasbatala vidpunkto ĝi estas rifuzinda. Sincere, oni logike deduktas, ke vi estus pli ĝuste enkadrigita en I. E. L. aŭ en U. E. A.

A. R.—Zeist.—Danke ni legis vian estimatan leteron. Ni tute ne ofendiĝis pro tio, kion vi aludas. Male, ni ĝojis, vidi la tutan originalon publikigita.

B. P.—Moskvo.—Vian tre interesan proponon ni pristudas kun atento k ni ĝojus se ĝi estus efektivigebla mondskale.

A. A.—Jugoslavio.—Pere de franca kamarado ni ricevis vian leteron, kiu montras la malŝatindajn procedojn de via katolika gazetaro. La Katolika Eklezio ja sin dediĉas jeti ŝlimon sur sin. Des pli malbone por ĝi! Antaŭajn leterojn el vi ni ne havas. Rilate al via demando pri Brazilio ni respondas al vi per poŝto.

## INFORMEJO

### ONI SCIVOLAS pri:

K-do. Jarin Hosek, kies lasta adreso estis: «Hospital Universidad, sala 16, Murcia» (Vundito el Internacia Brigado).

K-do. Lamberto Duils, artileriisto en Internacia Brigado, nederlandano.

K-do. Evelecio Urbaneja, fervojisto. Lia adreso estis: Puig, 7. San Andrés (Barcelona).

K-do. Henri Grunchard aŭ Guttman, kies laste konata adreso estis: «S. R. I. Albacete». Veninta el Parizo por aliĝi la Internacian Brigadon. Urĝe!

K-do. Eŭgeno Stern, ĉeĥoslovako. Internacia brigadano.

Gefratoj de k-do. Karlo Gómez, kiuj loĝis en San Sebastián, strato Salguan, 10.

K-do. Vassily Kipper, el Orán. Oni volas scii ĉu li estas en la Internacia Brigado.

K-do. Miguel Calzada Ortega, aŭ familianoj de li, el Valmaseda. Petu informojn

K-do. Jarronay, 101 rue Nationales, Cholet, Francio.

### ONI INFORMAS, KE

K-do. S. Martinez Guillem, el Catarroja, deĵoras nun en la Armeo. Lia adreso estas: «3.ª División Orgánica, 105 Brigada, 1. Batallón, 2.ª Compañía. Frente del Centro. EL ESCORIAL DE LA SIERRA (Madrid).»

K-do. Rafael Palomares, bonfartas k loĝas S-to. Largo Caballero, 6. Transeuntes Militares. CASTELLON (Hispanio).

K-do. Leopoldo Soler, de Cocentaina, vundito, kuŝas en «Hospital Militar n.º 2, Cama 239. ALCOY (Alicante)».

K-do. Johano Christamentl, deĵoras en «Socorro Rojo Internacional, Plaza Altozano, 70, A.—ALBACETE.

K-do. Ricardo Quiles (Kiles) havas jenan novan adreson: 99.ª Brigada Mixta. Estado Mayor. 2.ª Sección. Ejército del Centro.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia